# DENOVE PRI NIA REVUO

Dum la printempa estrarkunsido en Dijon la partoprenantoj akceptis mian proponon pri la Redaktora Komisiono. Laŭ mia propono – por plibonigi la nivelon, enhavon, gramatikan precizecon, la eksteran kaj internan aperformon de nia faka revuo „Internacia Fervojisto" – devas formuli la taskojn de la Redaktora Komisiono. Tio estas:

- Prizorgi la eldonadon de la federacia organo „Internacia Fervojisto" konforme al la celoj de la Federacio;
- La revuo IF estu redaktata laŭ la fundamentaj principoj de IFEF, kaj la „Ĝeneralaj Gvidlinioj";
- Eldoni po 6 numerojn de la revuo jare, unuope po 20 paĝoj;
- Klopodu aperigi multajn artikolojn pri fakaj, movadaj kaj kulturaj temoj;
- La revuo enhavu interesajn artikolojn pri kongresoj kaj aliaj renkontiĝoj;
- La revuo estu belaspekta, riĉenhava, la artikoloj estu interesaj sen gramatikaj kaj presejaj eraroj;
- Kunlabori kun ĉiuj fakaj asocioj kaj novaj laborgrupoj por ricevi informojn pri ĉiuj agadkampoj;
- Plialtigi la procenton de rete sendado de la revuo.

Do la Redaktora Komisiono devas agadi laŭ tiuj taskoj, sed tiuj taskoj ne nur estas por la Komisiono, sed por la tuta fervojista esperanto-anaro, ĉefe la gvidantoj de la landaj asocioj, la komitatanoj kaj aliaj respondeculoj. La plej grava tasko estas verki artikolojn pri fervojaj temoj, pri novaĵoj, pri la agado de la landaj asocioj, pri la klubkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj, pri la kulturaj, sportaj kaj aliaj libertempaj eventoj, pri la kunlaboroj kun aliaj esperanto kaj fakaj organizoj, pri la historio de la landaj movadoj ktp.

Mi ege ŝatus, se sen apartaj alvokoj ni ricevus artikolojn, ja nia revuo estas por ĉiu fervojista esperantisto, kaj en tiu revuo ni povas prezenti nian vivon, kaj ĝi estas la spegulo de nia agado.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**Belega placo en la urbo Dijon, kie okazis la printempa estrarkunsido de IFEF**

## ENHAVO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Denove pri nia revuo | 42 | Jarraporto de la sekretario | 50 |
| FFEA kongreso kaj estrarkunsido de IFEF | 43 | UMEA-Shinoda Premio | 53 |
| Kongresproponoj | 47 | Terminologia angulo | 55 |
| Tagordoj de la 67-a IFK | 48 | Fervojoj de granda rapido | 56 |
| | | Nekrologo: F. Struminsky | 60 |

# FFEA KONGRESO KAJ ESTRARKUNSIDO DE IFEF

La kongreso de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio okazis inter la 11-a kaj la 14-a de aprilo 2015 en la belega franca urbo Dijon, ĉefurbo de la regiono Bourgogne. En la kadro de tiu kongreso – kiel kutime en la lastaj pluraj jaroj – okazis ankaŭ la estrarkunsido de IFEF. Tiu estrarkunsido estis plivastigita kun komitatanoj de kelkaj landaj asocioj, ĉar IFEF havas multajn taskojn ankoraŭ antaŭ la 67-a IFEF-kongreso, kiujn la estraro kaj la invititaj komitatanoj devis trakti en Dijon. Ĉar verŝajne en la IFK en Kunming la komitatkunsido ne havos kvorumon pro la partopreno de malmultaj komitatanoj, pro tio ni devis decidi pri multaj temoj en Dijon. Entute partoprenis en la FFEA-kongreso pli ol 50 personoj, inter tiuj 12 voĉdonrajtaj komitatanoj kaj delegitoj de IFEF.

La urbo Dijon situas en la departemento Cote d'Or, kaj estas harmonia, akceptema kaj vivanta urbo. En la urbo ĉiu ŝtono memorigas tion, ke iam ĝi estis ĉefurbo, kaj havis samrangon kun Parizo kaj Avignon. Tiam la dukoj de Bourgogne estis timigaj kontraŭuloj de la francaj reĝoj. La dukoj havis grandajn havaĵojn, kiujn montras la multegaj artobjektoj ĉefe en Dijon. Nuntempe la urbo havas pli ol 155 mil loĝantojn. Fama estas ĝia universitato, episkopejo kaj la diversaj industri-branĉoj kiel la nutraĵa, metala, tabaka ktp. En la urbo troveblas multajn malnovajn palacojn kun interesaj fasadoj, kiujn dum la vizito de Dijon la partoprenantoj de la kongreso, helpe de ĉiĉerono povis admiri. La impona palaco Francois Rude estas nomumita pri tiu skulptisto, kiu faris la reliefon nomita „la Marseillaise" sur la pariza triumfarko. La fontano kaj la faktrabfasadaj domoj meritas intereson. La triumfarko sur la placo Darcy el la 18-a jarcento, apud ĝi la ĝardeno Darcy kreita en 1880, la hotelo „de la Cloche" el la 15-a jarcento montras la riĉan pasintecon de la urbo. Nombraj rimarkindaj preĝejoj troveblas en la urbo kiel la katedralo „Sankta Benigne", la preĝejoj „Notre-Dame" el la 13-a jarcento, „Saint Michel" kaj „Saint Jean". La plej fama kaj impona konstruaĵo estas la duka palaco kaj la duonronda placo. En tiu mezepoka palaco nun troveblas la urbodomo kaj la belarta muzeo. Menciinde ankoraŭ la justica palaco, la urba teatro, la vendohalo kaj bazaro, kaj la strato de kupristoj. Fine mi mencias, ke en la strato „de la Chouette" troveblas strigo-birdo, kiun se oni karesas per la



*Urbaj tramoj sur la placo Darcy*

maldekstra mano, al tiu la strigo alportas feliĉon, kaj efektiviĝas la deziresprimo. La regiono Bourgogne estas famkonata pro gastronomio, kion la partoprenantoj povis ĝui dum la tuta kongreso. Ankaŭ estas fama la likvoro „Kir”, kaj la „Kremo de kasiso”. La plej fama estas la dijona mustardo, kiu oni produktas en diversaj specoj, kaj kiun la homoj uzas en la tuta mondo. Kompreneble inde famkonata la diverspecaj vinoj, la multnombraj fromaĝoj, la aniĵoj ktp.

Mem la kongreso havis riĉan programon. La plej grava estis la ĝenerala kunsido de FFEA, kie entute 18 tagordpunktojn traktis la ĉeestantoj. La eksterlandaj gastoj interesiĝante aŭskultis pri la agado de la francaj fervojistaj esperantistoj, kaj ŝuldis rekonon al la plenumitaj taskoj. La francaj esperantistoj ĉiam laboris entuziasme kaj rezultohave, sed bedaŭrinde ankaŭ en Francio maljuniĝas la fervojista E-movado, kaj malkreskas la membraro. Dum la kongreso ĉiuvespere okazis distra programo. Sabate dum la distra vespero kantis ĉiuj partoprenantoj helpe de Marcel Redoulez kaj Famo. Ni kantis esperantlingve konatajn francajn kantojn, kion helpis la ricevitaj tekstoj.



*Folklora vespero*

Dimanĉe vespere ni ĝuis la spektaklon de la folklora grupo „la Bourguignonne”, en kiuj miksiĝis la kanto, danco, muziko kaj la kostumoj. Estis interesaj la du ĉarmaj geknaboj, kiuj kun inda seriozeco kantis eĉ dancis kune kun la plenkreskuloj.

Lunde vespere la grupo „Les Passe-montagnes” distris nin kun tradicia folklora repertuaro. Spertaj dancistoj prezentis malnovajn dancojn, kion la dancemulaj esperantistoj provis postfari. Kelkaj el ili lerte dancis, kelkaj ridinde.

Okazis du duontagaj ekskursoj dum la kongreso. Dimanĉe posttagmeze la partoprenantoj vizitis unue la kastelon de Commarin. Tiu kastelo estas unu el la plej belaj kasteloj de Bourgogne, kiu estas la valora atesto de la pasinteco. Inteligenta ĉiĉeronino prezentis al ni la kastelon, kiu atentigis nin, ke ĉiu generacio, kiu loĝis en tiu kastelo lasis interne sian propran identecon tra la mebloj, pentraĵoj, skulptaĵoj, tapiŝoj ktp. Ekde la konstruado de la kastelo loĝas en ĝi la sama familia deveno. Depost la jaro 2001 loĝas en la kastelo la grafo Bertrand de Vogue, kiu estas la 26-a proprietulo, kaj kiu klopodas daŭrigi la homan kaj vivantan aspekton de tiu kastelo.

La alia vidindaĵo, kiun ni vizitis, la kastelo Chateauneuf, kaj la ĉarma vilaĝo, kiu estis elektita en 1996 inter la plej belaj vilaĝoj de Francio. Mem la kastelo

konstruiĝis en la 1170-aj jaroj, kaj havas iomete bonan staton. Kaj la kastelon, kaj la vilaĝon oni kontinue renovigas, pro tio fortiĝas la unueco de la tuto kaj la diskretan ĉarmon de la vilaĝo. Promenante en la vilaĝo ni renkontiĝis kun multaj turistoj, kiuj ĝuis kune kun ni la belecon de la vilaĝo, kastelo kaj la ĉirkaŭaĵaj panoramoj al la valo de Vandenesse.

La alia duontaga ekskurso okazis lunde posttagmeze al la „Vina vojo". Temis pri la vizito de la vojo de la grandaj vin-originoj nomita: "la Elizeaj kampoj de Bourgogne". Ĝi longas je 60 km-ojn tra la du nomitaj regionoj: „bordo de noktoj" kaj „bordo de urbo Beaune". Survoje komence nia aŭtobuso haltis kelkajn cent metrojn for de la kastelo „Clos de Vougeot" por ke la ŝatfotantoj povu konservi tiun konstruaĵon de renesanca stilo en sia fotoalbumon. Kelkajn minutojn poste nia aŭtobuso – pro mallarĝa vojo - retroirante atingis la antaŭan parton de la kastelo. De ekstere la vizitantoj admiris tiun kastelon, starantan meze de la vitejo de la kastelo, kies areo kovras 58 hektarojn. Eĉ se tiu kastelo ne plu produktas vinon, ĝi restas simbolo de preskaŭ unu miljara vinhistorio.




*Speciala vendejo por la mustardo*

Ekde la 12-a jarcento monaĥoj de la abatejo de „Citeaux" komencis la konstruon de unua simpla masonaĵo. En la 16-a jarcento la hejmo estis kompletigita de loĝejo pli granda. Interne de tiu grava kvadrata remizo troviĝis tiutempaj iloj necesaj por produkti altkvalitan vinon. Malfeliĉe ni ne povis finviziti la sekvon konsistantan el filmo pri diktato de la ŝoforo, kiu puŝis nin al la elirejo cele al veturigi nin en alia najbara produktejo, vendanta sian produktaĵon. Verŝajne – laŭ „komerca leĝo" - pli gravas la monkaptado ol la kultureco. Ĉu la komerco superas al la cerba kulturo? En la dua haltejo ni estis atendataj en apuda vinproduktejo, kie oni prezentis al ni diversajn ĉefajn vinoriginojn por gustumi. Kelkaj vizitantoj kaptis la okazon aĉeti kelkajn botelojn da altkvalita vino cele al memorigi al si tiun belan regionon riĉa je vinproduktaĵo.

La plivastigita estrarkunsido de IFEF okazis lunde antaŭtagmeze kaj marde dum la tuta tago preskaŭ ĝis noktomeze. Dum la kunsido partoprenis la estraranoj, la ĉefkomitatano, la honora prezidanto Romano Bolognesi, la honora membro Jean Ripoche, la gvidanto de la Faka Komisiono Jan Niemann, la honora patrona komitato Anna Abelovská, la komitatanoj Lene Niemann, Bodo Ehrlich, Clara Brake, Christian Dardenne, la komisionaj membroj Monique Grall, Floreal kaj Liba Gabalda.

La estrarkunsido ekzamenis la situacion de la preparlaboro de la 67-a IFEF-kongreso, okazonta en Ĉinio, kaj konstatis, ke ĝis nun aliĝis 42 esperantistoj el Eŭropo el 11 landoj, el Ĉinio estas antaŭviditaj ĉ. 150 membroj. La IFK estas organizata kune kun la Ĉina Esperanto Ligo. Okazas problemoj la forte ŝanĝo de la kurzo inter Eŭro kaj la ĉinaj yuanoj, sed la LKK klopodas serĉi la vojon venki la malfacilaĵojn. Okazos en la kongreso entute dek fakprelegoj, 6 pri ĉina fervojo, 4 pri eŭropa fervojo. La postkongreso okazos dum 4 tagoj.
Inter la organizaj aferoj la partoprenantoj de la kunsido traktis la kongresproponojn, kiuj venis el Germanio rilate al malaltigo de la IFEF membrokotizo de 9 Eŭroj al 5 Eŭroj pro la rete sendita faka revuo IF. La kunsido ne akceptis la proponon.



*Francaj belulinoj dum la kongreso*

La ĉefkomitatanon kaj la anstataŭanton reelektis la kunsido por la sekvaj tri jaroj.

La estraranoj kaj komitatanoj detale traktis la taskojn de la Komisionoj kaj de la sep Laborgrupoj. La plej grava estis la modifo de la Statuto kaj Regularo de IFEF. Laŭ tiu modifo la Statuto estas mallonga, kaj ĉiujn detalaĵojn kaj farendaĵojn la kunsido trametis al la Regularo. Tiun modifon la voĉdonrajtaj partoprenantoj (12 komitatanoj kaj delegitoj + 2 rete voĉdonado; entute 14) ne povis aprobi, ĉar pro la manko de la kvorumo – 14 anstataŭ 15 – la voĉdonado okazos rete. La rezulto de la provizora voĉdono estis 13 por kaj 1 kontraŭ.
La alia grava decido de la kunsido estis pri la Redaktora Komisiono. La Komisiono plue laboras laŭ la Statuto kaj Regularo, kie aperos la taskoj, la gvidlinioj kaj la eldono de IF. Momente la Redaktora Komisiono kompletiĝis kun la s-ino Lene Niemann, kaj ni esperas, ke en la estonto ankoraŭ unu kunlaboranto helpos pretigi nian fakan revuon.

La kunsido konfirmis la venontan kongreson, kiu okazos en Bulgario apud la maro ĉe la urbo Várna en la jaro 2016. Por 2017 la kunsido ne decidis. En la kadro de la eksteraj rilatoj la estraro konsentis, ke la prezidantino de IFEF – kiel „A"komitatano de IFEF ĉe UEA – partoprenu dum la UK, kaj reprezentu nian Federacion en la koncernaj kunsidoj, kaj gvidu la fervojistan kunvenon.
La alia grava interrilato okazis en la kunsido, kiun partoprenis s-ino Barbara Sciesinski, la ĉefsekretariino de FISAIC. La pritrakto kun ŝi estas ege grava kaj rezultohava por ambaŭ organizoj. La plej grava decido estas, ke ĉiu okazaĵo ĝis nun estas la pasinteco, ekde nun FISAIC intencas reagi kaj

refortigi sin pere de ĉiuj grupoj, kaj IFEF povos ludi gravan rolon en ĝi.
La estraranoj de IFEF konstatis, ke tiu plivastigita estrarkunsido estis tre utila. Multaj gravaj temoj estis pritraktitaj, kaj okazis multaj findecidoj.

Mi dankas al la francaj fervojistaj esperantistoj, ĉefe al la organizantoj Jocelyne Millanvoye kaj al Monique Grall la taŭgajn cirkonstancojn por kunsidi, la zorgadon por tranokti, ekskursi, manĝi, plezuri la kulturajn programojn, kaj ĝui la amikan etoson.

**István Gulyás**

# KONGRESPROPONOJ
# por la 67-a IFK

Achim Meinel GEFA-prezidanto preparis du kongresproponojn, kaj sendis al la ĉefkomitatano en la nomo de GEFA:

**Kongrespropono n-ro 1:**

La nombro de „IF", kiu estas sendita al la landaj asocioj, devas kongrui kun la ĝirita monsumo por la membraro. Sed dum la jarŝanĝo aŭ mallonge poste ofte ne estas klare, kiom da membroj ankoraŭ havas la landa asocio pro diversaj kaŭzoj (morto, malaliĝo, malsanego ktp). Do se la landa asocio jam en januaro ĝiros la IFEF-kotizojn por tiu ĉi eksmembroj, kaj ricevus superfluajn, ne bezonatajn IF-ekzemplerojn, la landa asocio havas samtempe tro altajn kotizkostojn.
**Propono:** La limdato por la ĝirendaj IFEF-kotizoj estu ĉ. meze de februaro.

**Kongrespropono n-ro 2:**

Ekde 2015 estos la „IF" sendota elektronike/rete laŭ anoncitaj deziroj de la landaj asocioj, kiuj devas por la enlandaj membroj parte presi kaj ekspedi ilin. Tio kaŭzas kostojn. La kostoj por IFEF malaltiĝas.
**Propono:** La kotizo po membro estu ankoraŭ 5 Eŭroj anstataŭ kiel ĝis nun 9 Eŭroj. Escepte restas deziroj de membroj, kiuj deziras la ĝisnunan vojon, kaj pretas pagi 15 Eŭrojn kiel kotizo.
**Rimarko:** En la kadro de la estrarkunsido de IFEF en Dijon okazis eksterordinara komitatkunsido – kie partoprenis 12 voĉdonrajtaj komitatanoj – ne subtenis, eĉ malakceptis tiun proponon kun 12 kontraŭ voĉoj. La kotizo ne estas por „ IF", sed por la buĝeto de IFEF.

**La redaktoro**

# TAGORDO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO en la 67-a IFEF-kongreso en Kunming (CN) (19.05.2015)

**1. Malfermo, konstato de la mandatoj**

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

**3. Honorigo al la mortintoj**

**4. Estraranaj raportoj**
4.1. Sekretario
4.2. Redaktoro
4.3. Kasisto

**5. Protokolo San Benedetto del Tronto (IT)**

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

**7. Kongresproponoj**

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
8.1 Gvidanto
8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

**9. Raportoj de la komisiitoj**
9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.

**10. Resumo de la jarraportoj 2014 el la landaj asocioj**

**11. Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**

**12. Buĝeto 2015, kaj kotizkonfirmo**

**13. Rilatoj al aliaj organizoj:**
13.1 UEA
13.2 FISAIC
13.3 SAT - ILEI - UMEA – ISAE

**14. Venontaj kongresoj**
- 14.1 Konfirmo de la invito al la 68-a IFK en 2016
- 14.2 Elekto de la lando por la 69-a IFK en 2017
- 14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj

**15. Eventualaĵoj**

**16. Libera diskutado**

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF

## TAGORDO DE LA NEPUBLIKA KOMITATKUNSIDO en la 67-a IFEF-kongreso en Kunming (CN) (18.05.2015)

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Diskutoj pri kongresproponoj**
3. **Honorigoj**
4. **Diskuto pri la kasraporto-bilanco 2014, kaj pri la buĝeto 2016**
5. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
6. **Diskuto pri venontaj kongresoj**
7. **Analizo pri eksteraj rilatoj**
8. **Eventualaĵoj**

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF




# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 2014

**Antaŭrimarkigo**
La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

**Niaj mortintoj**
Listo de mortintoj estos legata dum la plenkunsido en la 67-a IFEF-Kongreso en Kunming (CN).

**1. Membrostato**
La aktuala membrostato de IFEF estas: 406 laŭ la pagitaj kotizoj, ĉ.800 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LA-j.

**2. Interna laboro**

**2.1 Estrarkunvenoj**

La estraro de IFEF kunvenis dufoje: en Plestin les Grèves (FR) 7-8.04.2014 kaj en Chodov kaj Prago (CZ) 08-11.11.2014. La temoj de la kunvenoj jam estis traktataj detale en la protokoloj.

**2.2 Ĉefkomitatano**

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. oni forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la Vp. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Li bone atentigis la komitatanojn por sendi en ĝusta tempo la ŝanĝojn kiuj intertempe alvenis kaj la eventualajn kongresproponojn.

**2.3 Vizitoj**

La estrarkunsido en Plestin les Grèves okazis dum la kunveno de FFEA kun organizita programero, partoprenis ĉ. 40 personoj. Okazis ekskursoj kaj distraj vesperoj kun diversaj artistoj, kvankam ne profesiuloj, ili estis tre kompetentaj kaj amuzaj. Inter la ekskursoj okazis ankaŭ faka al “Trajneto de Guimaëc”, nome vizito al ĝardeno de eksmaristo, kiu reproduktis en la ĝardeno miniaturon de la pejzaĝo kun fervojo kaj trajnetoj. Li ŝerce diris ke la pasio venis pro la fakto, ke li ne kapablis kreskigi plantojn en la ĝardeno, kaj anstataŭis ilin per

reloj kaj dometoj. Alia ekskurso okazis tra la regiono de Morlaix trajne kaj sipe, ĝi estis la malnova vojo kiuj faris la vojaĝantojn el Parizo al Brest antaŭ la konstruo de la ponto de Morlaix. Trajne ili alvenis ĝis tie kaj poste ŝipe al Brest. La tuta veturado daŭris preskaŭ unu tagon.
La estrarkunsido en Chodov, kaj poste en Prago, okazis dum la ĈeFEA kunveno, kun ĉ. 30 personoj. Okazis vizito al la urbo Karlovy Vary, kaj al la fervoja muzeo de Kraslická. Tie ni estis akceptitaj de la prezidanto de la muzeo kaj de volontuloj, kiuj prizorgas pri ĝi en fervoja uniformo. Dum la kunveno estis prezentitaj fakaj prelegoj, inter kiu ankaŭ la faka ĉefprelego de la kongreso en San Benedetto, por la ne partoprenantoj. La estrarkunsido daŭrigis en Prago dum la sekva tago. Tie ankaŭ okazis "faka vizito" en la bierejo "Vytopna", kies salono estas fervoja miniaturo kaj la trinkaĵo alvenas al propra tablo per trajneto.

**2.4 Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.**

Dum la lastaj jaroj en kelkaj landaj asocioj de IFEF la agado preskaŭ ĉesis kaj daŭre la situacio ne pliboniĝas, novaj membroj ne venas kaj la malnovaj pli kaj pli maljuniĝas. Dum la kongreso en San Benedetto kaj dum la estrarkunsido en Chodov estis starigitaj komisionoj respektive laborgrupoj pri diversaj taskoj, en ĝi estas membroj, kiuj koplodos interrilati inter ili por pli bone agadi por kaj per IFEF.

## 3. Laborplano

### 3.1 Informa Servo

La korespondado okazas pere de interreto. Oni pli bone povus nomi ĝin informado, ĉar ĉiuj membroj povus korespondi samtempe kun ĉiuj aliaj membroj per IFEF diskutad-grupo, pere de Fejsbuko ricevi kaj doni informojn, pere de la paĝo "ifef.net" ricevi ĉiujn informojn pri ĉio kiu estas enretigita.

### 3.2 Junularo

Nenio estas rimarkinda.

### 3.3 Faka Komisiono

#### 3.3.1 Terminara Sekcio

La progreso ĉe tradukado de la lasta nova kvincent nocia serio da anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre superas la progreson ĉe aliaj lingvoj. La terminaro de *UIC* estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Termindecidoj okazas en kongresaj kunsidoj. En la du pasintaj jaroj aperis po 3 numeroj de TeKu kun averaĝe po 7 novaj taskoj. La Esperanto-difinoj enigitaj en la *UIC*-datumbankon ĝis nun jam estas pli ol 1800.

**3.3.2 Fake Aplika Sekcio**

En 2014 aperis la "Fervojfaka Kajero" n-ro 22.

**3.4 Fervojista kontaktkunveno dum la 99-a U.K. Bonaero – Argentino (26/07-02/08/2014)**

Neniu el la estraro kaj el la komitatanoj partoprenis tiun kongreson. Alvenis raporton de Liba Gabalda, la sola membro de IFEF kiu partoprenis kaj ne okazis la kutiman fervojistan kunvenon. Raporto aperis en IF.

**4. Aranĝoj**

**4.1 IFEF aranĝoj de LA**

Laŭ la indikoj de la jarraportoj de L.A. kelkaj el ili aranĝis kunvenojn kun ĝenerala asembleo. En la kadro de la programoj okazis prelegoj kaj ekskursoj.

**4.2 IFEF-Kongreso**

La 66-a IFK okazis en San Benedetto del Tronto (IT) 17-26.05.2014. Ĉeestis 136 partoprenantoj el 19 landoj. Detalaj raportoj kaj simplaj impresoj alvenis de diversaj partoprenantoj. Ĝi estis bone reklamita ĉe la lokaj gazetoj kaj la nacia televido "rai3" kadre de la regionaj elsendoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1 UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. La nuna respondeculo ĉe UEA pri la kontaktoj kun la fakaj asocio, regule sendas informojn kiuj estis senditaj al ĉiuj estraranoj.

**5.2 FISAIC**

La kongreso en San Benedetto ne okazis sub la patroneco de FISAIC, pro la fakto, ke la itala Dopolavoro forigis de FISAIC, tamen la informo aperis en la FISAIC kalendaro. Pere de la kolegoj de GEFA post la kongreso venis novaj kontaktoj kun la nova sekretariino de FISAIC kaj de la germana BSW. Ŝi malfermis la pordon por estontaj kunlaboroj.

**Fina komentario**

La situacio de nia federacio estas preskaŭ sama al tiu de la pasintaj jaroj, en kelkaj landoj la agado preskaŭ ĉesis. Ni esperas ke pere de kunlaboro kun aliaj esperantaj asocioj oni povos krei agadojn, kiu iumaniere plu stimulos la interesojn de fervojistoj kaj de aliaj esperantistoj por nia federacio. La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bonaj, ĉefe kun ILEI kaj UMEA. Ankaŭ dum la venonta kongreso estos planitaj seminarioj aŭ kursoj fare de ĝiaj membroj.

Bolonjo, 30-a de marto 2015.

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF

# Gazetara Komuniko de la Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA)

# UMEA-Shinoda-Premio aljuĝita al d-ro Disheng Wang, Ĉinio




La UMEA-Shinoda-premio estas fondita de d-ro Hideo Shinoda (1901-1985) en 1973 por "subteni la sciencajn medicinajn esplorojn, presaĵojn, publikaĵojn, prelegojn de apartaj personoj aŭ de kolektivoj de scienculoj aŭ sciencaj institucioj, kiuj subtenas je iu ajn maniero la aplikon respektive la enkondukon de Esperanto en la medicinan sciencon aŭ praktikon por sanprotektaj iniciatoj k.s.“ (citaĵo el la statutoj de la fonduso). Post dekkvarjara paŭzo UMEA decidis denove aljuĝi la premion.

La ricevanto de la UMEA-Shinoda-premio 2014 estas la ĉina kuracisto d-ro Disheng Wang (王迪生).
Li ricevas la premion pro la elstara artikolo „La opinio de Tradicia Ĉina Medicino (TĈM) pri la kuracado de Ebolo-febro“, publikigita en Medicina Internacia Revuo N-ro 2 (103), p. 94-96.
La UMEA-Shinoda-Premio konsistas ĉi-jare el premiosumo de 300 Eŭroj kaj diplomo pri la premio.
D-ro Disheng Wang estas vic-profesoro en la farmakologia fako de *Bengbu Medicina Universitato* kaj direktoro de la farmakologia sekcio de la *Dua Hospitalo Asociita kun Bengbu Medicina Universitato*.

Kiel profesoro li okupiĝas ĉefe pri la instruado de bazaj teorioj, kiel direktoro de malsanuleja departemento pri esploro de klinika kuracado per la metodoj de TĈM. Pro liaj esplorrezultoj li ricevis diversajn altrangajn oficialajn premiojn. Pri tiuj esploroj li

sukcesis publikigi kelkajn dekojn da disertaĵoj en famaj medicinaj fakrevuoj en Ĉinio.
Li oficas kiel estrarano aŭ komitatano de fakaj asocioj en Ĉinio kiel ekzemple la *Anhui Faka Asocio de Santenado*, *Anhui Farmakologia Asocio*, *Anhui Klinika Farmakologia Asocio* k.t.p.
Krome li ne nur estas la Landa Delegito de la UMEA en Ĉinio, sed ankaŭ vicprezidanto de la esperantista *Internacia Naturkuraca Asocio*.
Kadre de la Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) kaj forte apogita de ĝi li nun fondos la *Laborgrupon de la Ĉinaj Medicinaj-Esperantistoj.*
Li partoprenis la kompiladon de ĝenerala vortaro Ĉina-Esperanto en 1983, kaj speciala medicina terminaro Ĉina-Esperanto-Angla-Franca en 1997, kiun lastan la Ĉina Esperanta Eldonejo oficiale publikigis. En 2004 li kompletigis la verkon „Tradicia Ĉina Dieto“, kies pli ol 350 paĝojn eldonis la Hong Kong-Ĉina Esperanto-eldonejo. Li nun verkas novan libron kun la titolo „Santeni Vian Vivradikon“, eble aperonta en 2016.
La UMEA-Ŝinoda Premion unuafoje oni aljuĝis en jaro 1974. Tiam la premion ricevis d-ro István Hegyi kaj d-ro János Török el Hungario. Ĝis nun entute 33 personoj, resp. fakgrupoj ricevis tiun premion, inter ili d-ro Imre Ferenczy fervojista emerita ĉefkuracisto.

**Kristov Klawe**
**prezidanto de UMEA**

*Rimarko:*

*UMEA kaj IFEF havas komunan „Kunlaboran Interkonsenton”, laŭ tio la du organizaĵoj aperadas – inter aliaj - sciigojn, komunikojn aŭ artikolojn pri unu la alia en siaj revuoj. Ni kune ĝojas kun UMEA tiun valoran premion, kaj tiu ebleco povas instigi la medicinajn esperantistojn je pli bona kaj rezultohava agado sur la tereno de UMEA. En la nomo de IFEF mi gratulas al la distingitoj, kaj deziras al ili pluan efikan agadon.*

***István Gulyás***

# Terminologia angulo

### Pri trafikrega centralizado

Komence temas pri **regejo** kun *UIC*-difino:

Memstare lokita teknika instalaĵo por regi trakforkojn kaj signalilojn, ebligi ties interrigladon, aranĝi, rigli kaj malrigli itinerojn, indiki funkcistatojn, sekurigi trajnajn kaj manovrajn veturojn.

Ĝis terminaro *RailLexic 3.0* kaj antaŭ PIV-suplemento de 1987 estis ĥaoso el la vortoj „trakreg(ad)ejo” kaj „reg(ad)ejo”, kiun IFEF-Terminara Sekcio (TS) antaŭ jaroj forigis.

Ĉe mekanika regejtekniko, en plej multaj stacioj troviĝas pluraj regejoj. Iu de ili estas **ĉefa regejo**, kie laboras **trajntrafikestro** donanta ordonojn al la samstaciaj **regejestroj**. Regejoj ekzistas ankaŭ ekster stacioj, nome en disforkejoj (kun trajntrafikestro) kaj kiel nura **kantoniga regejo** (kun kantoniga regejestro).

Ĉe moderna, ĉefe relajsa regejtekniko, stacioj havas nur unu **centran regejon** (kun trajntrafikestro).

.Ĉe plej moderna, elektronika regejtekniko, centralizado forte antaŭenpaŝas. Estiĝas ejoj por regi kompletan fervojlinion aŭ eĉ ampleksan parton de fervojreto. Por terminologie distingi ilin de enstaciaj centraj regejoj, TS elektis la terminon **„regadcentrejo”**. Tie unu aŭ pluraj trajntrafikestroj teleregas lokajn senpersonarajn elektronikajn regejojn. Aŭtomataj kantonigaj signaliloj anstataŭas kantonigajn regejojn.

Ĉe manovrado precipe en senpersonaraj stacioj servas instalaĵoj por loka komutado de trakforkoj. Por distingi ankaŭ ilin de regejo, TS elektis la terminon **„komutejo”** (vidu la bildon). Koncerna manovradzono estas malŝaltebla de la regejo.

**Heinz Hoffmann**

# FERVOJOJ DE GRANDA RAPIDO EN POLLANDO

**Fervojoj de Granda Rapido** en Pollando – laŭ difino fervoja sistemo, kiu ebligas atingi rapidon de almenaŭ 200 km/h kaj maksimume 250 km/h. La planoj inkluzivas modernigon kaj konstruon de fervojaj linioj, kiuj kunigas grandajn aglomerajn zonojn en Pollando.

## 1. Leĝaj reguloj

Laŭ decidoj de la ministro de Infrastrukturo, kaj la instrukcioj de Polaj Fervojaj Linioj (*PKP*) oni specifas la teknikajn kondiĉojn por esti realigataj ĉe fervojaj linioj kaj veturantaj trajnoj sur la linioj tiel, ke eblas jenaj rapidoj:

- **super 130 km/h:**
  dupersona deĵoro en kondukistejo kaj kontrolpanejo aŭ aktiva trajnsekuriga sistemo *ETCS (*Eŭropa Trajnsekuriga Sistemo) de apliknivelo 1 aŭ pli alta.
- **super 160 km/h:**
  neniu traknivela pasejo;
  transversa akcelo maksimume 0,6 m/s$^2$ (en la aliaj kazoj 0,8 m/s$^2$);
  provizigo kaj funkciigo de *ETCS*-apliknivelo 1 aŭ pli alta.
  La Instanco por Kontrolo de Fervoja Transporto (*UTK*) donas la atestojn por sistemoj kaj proceduroj uzataj en fervoja transporto en Pollando, interalie ankaŭ en grandrapida.

## 2. Linioj de granda rapido

Trajnoj *EICP „Pendolino”, EIC* kaj *EC/EN* en la horaro 2014/2015.

### 2.1 Centra Fervoja Magistralo (*CMK*)

Fervoja linio n-ro 4, nomata Centra Fervoja Magistralo (*CMK*) kunigas la urbojn *Grodzisk Mazowiecki* (apud Varsovio) kaj *Zawiercie* (Silezio). La 224 kilometrojn longa linio estis parte

malfermita en jaro 1974, kaj finkonstruita en jaro 1977. Jam dum la konstruado la linio estis elektrizata per kontinua tensio 3000 V. 29-an de majo 1988 oni atingis sur la tuta linio rapidon 160 km/h, ĝis 2014 la plej granda sur pola fervoja reto.
*CMK* estas uzata ĉefe por trajnoj *Varsovio – Katowice* kaj *Varsovio – Krakovo.* Post riparo de liniosekcio apud *Koniecpol* veturos tie ankaŭ trajnoj de *Varsovio* al *Vroclavo.*
Liniogeometrio, elektra reto kaj trakoj estas adaptitaj al la rapido 250 km/h, kaj inĝenier-teknikaj konstruaĵoj estas rekonstruitaj por rapido 300 km/h. Tamen veturi pli rapide ol laŭ la permesataj 230 km/h en normala funkciado ne eblas pro nesufiĉa povumo de elektra sistemo 3 kV sur tiu linio. La tuta linio estas ekipita per *ETCS*-apliknivelo 1.
La 16-an de novembro 2013 sur *CMK* komenciĝis unuaj provoj kun motorvagon-kombinaĵo *ED250 „Pendolino".* La 24-an de novembro 2013, la lastan tagon de la testoj estis atingita maksimuma rapido 293 km/h.
De decembro 2014 la rapido 200 km/h eblas de *Olszamowice* ĝis *Zawiercie.* Tiu rapido sur la 100 kilometrojn longa liniosekcio ricevis la rajtigon de la Instanco por Kontrolo de Fervoja Transporto (*UTK*). Tiam komencis veturi trajnoj konsistantaj el kombinaĵo *ED250 „Pendolino".*
Sur aliaj sekcioj ŝanĝi la maksimuman rapidon de 160 km/h al 200 km/h estos efektivigataj en etapoj. En decembro 2015 maksimuma rapido 200 km/h eblos de *Grodzisk Mazowiecki* ĝis *Idzikowice* (proksimume 80 km), kaj en decembro 2017 por la cetera sekcio *Idzikowice – Olszamowice* (44 km). Post kolekto de sperto el rapido de 200 km/h la fervojentrepreno *PKP PLK* kun *PKP Intercity* intencas iom post iom plialtigi la maksimuman rapidon ĝis 230 km/h.

## 2.2 Nordsekcio de la fervojkoridoro E-65

La linio kunigas *Varsovion* kun *Gdynia,* kaj inkluzivas la tutan linion n-ro 9 (323 km) kaj sekcion de linio 202 (21 km). Ĝi estis konsruata en jaroj 1852 – 1877. La linio estis elektrizata per kontinua tensio 3 kV en la jaro 1985. Pro la malfacila geometrio oni konsideris en 1970-aj jaroj konstruon de nova linio, kiu estus plilongigo de la Centra Fervoja Magistralo *CMK,* kaj irus de fervojstacio *Korytów* al *Gdansko.* Tamen oni decidis

modernigi la ekzistantan linion, kies ĉefaj laboroj estis finitaj en jaro 2014.
Sur la linio 9 estas instalita *ETCS*-apliknivelo 2, kio estas necesa por rapido pli ol 160 km/h. De decembro 2014 la sistemo funkcias en 3 el 8 rekonstruitaj lokaj dispontcentrejoj (*LCD*). Instalado de la sistemo por aliaj 5 centrejoj *LCD* okazos en 2015.
Buroo de Investado (*PKP PLK*) deklaras, ke eblas superi la rapidon 160 km/h en jaro 2015 sur preskaŭ duono de la linio E-65. En la sekcio *Dzaldowo – Malbork* (120km) estus dezirinde uzi sistemon de kliniĝo de vagonkesto, kiun bedaŭrinde aĉetita versio de *ED250* ne havas.

## 2.3 Planita nova linio nomata „Y”

„Linio Y” estas la populara nomo de la planita tute nova fervojlinio por grandrapido en Pollando. La nomo estas derivita de horizontala projekciaĵo, kiu similas al litero Y. La linio kunligus *Varsovion* kaj *Lodzon* kun *Poznano* kaj *Vroclavo.* Pasaĝertrajnoj veturus sur la linioj je rapido 300 aŭ eĉ 350 km/h. Laŭ komencaj planoj, la „Ipsilono” estus preta en jaro 2020, sed laste la ministro de Transporto decidis, ke ebla perspektivo de konstrufino estos en jaro 2030. La sola elemento de „Y”-koncepto, kiun oni realigos pli frue, estas la nova subtera stacio *Lódz Fabryczna,* kiu post 2 jaroj estos preta.
La plej granda profito el la konstruo de la „Ipsilono” estus mallongigo de la veturtempo inter *Varsovio, Lodzo, Vroclavo* kaj *Poznano.* Geografia distanco inter *Vroclavo* kaj *Varsovio* estas 310 km, sed la fervoja distanco pli ol 400 km. Nun la veturado daŭras minimume 3,5 horojn, dum la „Y”-projekto garantius ĉ. 1,5 horon.

En jaro 2015 *PKP* jam kontraktis novan **analizan studplanon** por trajnkorespondoj inter *Berlino* kaj *Varsovio* tra *Poznano,* kaj samtempe inter *Prago* kaj *Varsovio* tra *Vroclavo.* En la analizoj oni devus akcepti la jam ekzistantan „Y”-projekton.
Danĝero kaj konkurenco por novaj fervojlinioj por grandrapido en Pollando estas dinamika evoluo de aŭtovoja

kaj ankaŭ aviadila transporto. Do konstruo de „Ipsilono” nuntempe ne estas certa.

## 3. Trakciiloj por granda rapido

### 3.1 Lokomotivo ES64U4 „Eurosprinter”

Oktobre en 2009 *PKP Intercity* komencis uzi elektrajn lokomotivojn el firmao *Siemens* de tipo *ES64U4”Eurosprinter”,* markita en Pollando kiel serio *EU44.* Ili povas atingi rapidon de 230 km/h per alterna kurento, kaj 200 km/h per aktuala kontinua kurento. *PKP Intercity* uzas nun 10 de tiuj lokomotivoj.

### 3.2 Motorvagon-kombinaĵo ED250 „Pendolino”

Jam en jaro 1997 *PKP* intencis aĉeti 16 elektrajn motorvagon-kombinaĵojn por grandrapidaj trajnoj kun kliniĝo de vagonkesto. Oferton metis jenaj entreprenoj: *Fiat Ferroviaria, Siemens* kaj *Adtranz.* La gajnanto estis *Fiat Ferroviaria,* kiu ofertis version *ETR460 „Pendolino”,* sed kontrakto estis tuj poste nuligita fare de pola registaro.

30-an de majo 2011 *PKP Intercity* subskribis kun firmao *Alstom* kontrakton pri 20 motorvagon-kombinaĵoj *ED250 „Pendolino”* por maksimuma rapido 250 km/h. La kontrakto inkluzivas ankaŭ teknikan bontenadon de la veturiloj dum sekvaj 17 jaroj.

Ekde nova horaro 14-an de decembro 2014 vagonkombinaĵoj *ED250 „Pendolino”* veturas kiel la nova kategorio de trajnoj **Express InterCity Premium,** kaj kunligas *Varsovion* kun *Gdynia, Gliwice, Katowice, Krakovo, Rzeszów* kaj *Vroclavo.* Menditaj de kompanio *PKP Intercity* ili veturas kun rapido 200 km/h tra Centra Fervoja Magistralo (*CMK*) kaj tra fervoja linio 9.Lokomotivtipo *ES64U4 ”Eurosprinter”* de *Siemens,* markita en Pollando kiel serio *EU44* povas atingi rapidon 230 km/h per alterna kurento, kaj 200 km/h per aktuala kontinua kurento.

Motorvagon-kombinaĵo *ED250 „Pendolino”* atingis rapidon 293 km/h 24-an de novembro 2013 sur la linio de Centra Fervoja Magistralo (*CMK*).

**Wieslav Libner**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**64-a eldonjaro**
**Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)**
rodica_todor@yahoo.com

**Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)**
sylviane.lafargue@dbmail.com

**Sekretario: Vito Tornillo (Italio)**
vitorni@virgilio.it

**Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)**
laurent.vignaud@free.fr

**Redaktora Komisiono:**
**Gvidanto: István Gulyás (Hungario)**
istvan.gulyas@hdsnet.hu
**Membroj: J. Ripoche**
**L Niemann**
**Franca poŝtcekkonto:**
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**

**IBAN:**
**FR3320041010110929374Y03237**
**BIC-kodo:PSSTFRPPNTE**

**UEA-konto: iffk-o**

**Apermonatoj:**
**januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro**

**Redaktofino:**
**Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato**
**ISSN 0230-323x**
www.ifef.net

**Faka Komisiono:**
**GV: Jan Niemann**
niemann@kabelmail.dk
**SK: D-ro Heinz Hoffmann**
hoffmann-ifef@cablemail.de
**SK: Inĝ Ladislav Kovar̆**
kovar.lad@email.cz

## FRANTIŠEK STRUMÍNSKÝ (18.08.1922 – 15.12.2014)



La 15-an de decembro 2014 trankvile forpasis tre aktiva ĉeĥa fervojista esperantisto František Strumínský. Li naskiĝis la 18-an de aŭgusto 1922 en Šumbark. Esperanto li legis kiel knabo en gazeto Vpřed, li havigis al si lernolibron kaj entuzisme komencis lerni la lingvon. Ekde jaro 1945 li laboris kiel fervojisto, dungito de ČSD Ostrava Kunčice, kie li post vundiĝo en jaro 1949 laboris en ekonomia fako ĝis sia emeritiĝo. En jaro 1947 li faris E-ekzamenon, en jaro 1951 faris ekzamenon kiel instruisto de Esperanto. Liaj hobioj krome estis fotografado, filatelio, naturo, kantado. En jaro 1952 li geedziĝis kun aktiva esperantistino Květuše Krejčová, familio loĝis en urbo Havířov kun du infanoj. Li tre aktivis kaj vaste korespondis kun tuta mondo, fariĝis prezidanto de EK Havířov, instruis en E-kursoj. En jaro 1970 li estis operaciita, tamen li plu aktivas kaj post kolego Kašparec li eĉ prezidis Fervojistan Sekcion de Ĉeĥa Esperanto-Asocio ĝis la jaro 1988, kiam li pro sanproblemoj demisiis kiel prezidanto, tamen li plu aktivadis en E-movado. En jaroj 2000 ĝis 2014 li loĝis en Domo por emerituloj en České Budějovice. En sia ĉambro li ĉiam havis sur la tableto E- flageton. La memoro pri František restos por ĉiam ĉe ni.

**Jindřich Tomíšek**